Jaro IV * N.° 44ª

Augusto * 1907

# LA SUNO HISPANA *



## La respektinda Pastro Guinart en Aŭstrujo

Nia eminenta kolego S.ro Guinart, skolapio, estas destinita kiel rektoro al la «Kolegio XX, Pijarow W. Krakovio (Aŭstrujo)». Tiu ĉi novaĵo malgaje frapos ĉiujn hispanojn.

Antaŭ ĉio ni devas ĝoji, ke oni nomis rektoron nian karan samideanon, ĉar tio pruvas, kiel multe oni ŝatis liajn meritojn, sed la esperanta-afero en Hispanujo perdas per la foresto de Pastro Guinart unu el niaj plej fervoraj apostoloj.

En la nomo de ĉiuj hispanaj esperantistoj ni deziras al nia kara amiko feliĉan vojaĝon kaj multan prosperadon en lia nova ofico dum loĝado en Aŭstrujo, kaj ne forgesu S.ro Pastro Guinart, kiu dum multaj jaroj estis lertega kaj aktiva sekretario de la Hispana Societo por propagando de Esperanto, ke tiu societo malfacile trovos tiun, kiu povos lin anstataŭi, kaj ke ni ĉiuj esperas por la bono de Esperanto en Hispanujo, ke lia forestado estos mallonga kaj li povos baldaŭ reveni en la patrujon, kiu tiel multe sin honoras lin posedante.

## El Reverendo Padre Guinart en Austria

Nuestro eminente compañero el escolapio Sr. Guinart ha sido destinado como rector al «Colegium XX, Pijarow W. Krakovia (Austria). Esta noticia conmoverá tristemente á todos los españoles.

Ante todo debemos congratularnos del nombramiento de rector de nuestro querido samideano, pues demuestra el gran aprecio que de sus méritos se hace, pero la causa esperantista española pierde con la ausencia del Padre Guinart uno de sus apóstoles más fervorosos.

En nombre de todos los esperantistas españoles deseamos á nuestro querido amigo un viaje feliz y muchas prosperidades en su nuevo cargo durante la residencia en Austria, y no olvide el Padre Guinart, que durante tantos años fué habilísimo y activo secretario de la Sociedad Española para propagación del Esperanto, que esta Sociedad encontrará difícilmente quien pueda sustituirle, y que todos esperamos por el bien del Esperanto en España que su ausencia sea breve y pueda volver pronto á la patria que tanto se honra en poseerlo.

# La 21ª de Julio en Hispanujo

En ĉiuj urboj oni festis kun granda entuziasmo la feston rememorigan pri la aperdato de Esperanto.

Ni ricevis telegramojn, leterojn, poŝtkartojn, de San Sebastian, Murcio, Engero, San Fernando, k. c., kiuj montras la sukceson de tiu festo.

La Esperantista Grupo de Murcio eldonis tre belan poŝtkarton dediĉitan al tiel feliĉsignifa dato.

En Valencio, la Esperantistoj kolektis sin en kunfrata festeno en unu el la plej luksaj hoteloj. Dum la manĝado regis granda entuziasmo kaj en la fino ne mankis toastoj por la prosperado de Esperanto. S.ro Inglada legis belan versaĵon, kiu estis tuj sendita al D.ro Zamenhof kun la subskriboj de ĉiuj kunmanĝantoj. Dum la festeno oni ricevis gratulan telegramon de la Esperantistoj el Carcagente.

S.roj Codorniu en «La Verdad» (Murcia), Calandre en «El Eco de Cartagena», Garzón en «La Correspondencia de San Fernando», kaj aliaj, raportas pri festoj laŭ diversaj manieroj okazintaj kaj dediĉas korajn frazojn al Esperanto en la memorinda tago.

# El 21 de Julio en España

En todas las poblaciones se ha celebrado con gran entusiasmo la fiesta conmemorativa de la fecha de aparición del Esperanto.

Hemos recibido telegramas, cartas, postales, de San Sebastián, Murcia, Enguera, San Fernando, etc., etc., que muestran el éxito de esta fiesta.

El Grupo Esperantista de Murcia ha editado una bellísima tarjeta postal dedicada á tan fausta fecha.

En Valencia, los esperantistas se reunieron en fraternal banquete en uno de los más lujosos hoteles. Durante la comida reinó gran entusiasmo, y no faltaron al final los brindis por la prosperidad del Esperanto. El Sr. Inglada leyó una hermosa poesía que fué remitida inmediatamente al Dr. Zamenhof con las firmas de todos los comensales. Durante el banquete se recibió un telegrama de felicitación de los esperantistas de Carcagente.

Los Sres. Codorníu en «La Verdad», Calandre en «El Eco de Cartagena», Garzón en «La Correspondencia de San Fernando» y otros, relatan fiestas que de distintos modos han tenido lugar y dedican cariñosas frases al Esperanto en el memorable día.

# Floroj

(Fino.)

Kaj ili reiris en siajn ĉielajn palacojn, mallaŭte murmurante pri tiu lasta kaj ŝajne perfekta kreitaĵo.

Ĉar ja la anĝeloj povas fali en la malbonon, kaj pruvis tion ĉi Luzbelo, kaj la murmureco estas la unua el la tentoj.

Sed Adamo dormis, kaj dum lia dormado la Kreinto kreis la virinon, por fari la plej bonan kreitaĵon, kaj Li diris kun dia kontento: Jen estas ŝi!

Ni konstatu ke ankoraŭ ne estis floroj.

# Las flores

(Conclusión.)

Y se volvieron á sus celestes palacios murmurando por lo bajo de aquella última y al parecer perfecta creación

Porque al fin los ángeles pueden caer en el mal, como lo probó Luzbel, y la murmuración es la primera de las tentaciones.

Pero Adán se durmió, y mientras dormía, el Omnipotente creó la mujer, como quien echa al resto y dice con divino orgullo: «Ya está aquí».

Conste que todavía las flores no existían.

Kaj ĉiam la verda kamparo, la nuba ĉielo, la ruĝaj subiroj de la suno, la senĉesaj pluvadoj, kiuj per gutetoj malsekigis la teron, plenigis la akvovojojn kaj riverojn, kaj briligis per novaj rebriloj la verdan amason da filikoj, kaj sur la verda mantelo, la Adama korpo kaj la tre blanka korpo de Evo, kvazaŭ diaj marmoraj statuoj.

Aliris la novaĵo al la ĉielo pri la nova kreitaĵo, kaj ĝi ekkortuŝis arkanĝelojn, serafojn kaj kerubojn.

Estas nova estaĵo sur la tero! tiu estas la virino, kaj ni devas ŝin vidi!

Kaj la anĝeloj sin montris en la malplenaĵoj de siaj bluaj fenestretoj, por elvidi la Paradizon.

Kaj ili volis de pli proksime rigardi Evon, kaj ili malsupreniris sur la nubojn kaj ekmiris, kaj ili deziris flugi ĝis la tero por tuŝeti per siaj flugiloj tian ĉarman vidaĵon, sed ne kuraĝis tion fari, sen permeso de l' Altegulo. Ili malfermegis siajn bluajn okulojn por grandigi la pupilojn, movigis la flugilojn, dolĉe sopiris, kaj nepre deziris alproksimiĝi al ŝi.

La suno leviĝis kaj disŝiris la nubojn, ĉar ankaŭ la suno volis vidi Evon, kaj post la grandaj malheligantaj pluvoj okazis pluveto je kvazaŭ kristalaj gutetoj.

Ĉielarko, longega ĉielarko kun duonrondo perfekta kaj brilanta, estis super Paradizo.

La anĝeloj, almenaŭ tiuj malplej timemaj, por vidi Evon de pli proksime, forflugis el la nuboj sur la koloritan arkon, kaj tie staris.

La timuloj sekvis la ekzemplon de la ĉioriskantoj; novaj aroj de ili traflugis la ĉielon, kiel la hirundoj super maro, kaj sidiĝis sur la ĉiela arko.

Kaj fine, ĉiuj, unu post la alia, jen solaj, jen pare, jen are, estis sur la grandega arko je la sep koloroj.

Certigas iu, kiu diras ke li vidis tion, ke estas belega vidaĵo!

Y siempre el inmenso manto de verdura, los cielos brumosos, las puestas de sol rojizas, los turbiones inmensos terminando por lluvia uniforme y menuda, que venía á humedecer la tierra, á llenar los arroyos y los ríos, á abrillantar con nuevos reflejos las masas verdosas de los helechos, y sobre aquel fondo verde el cuerpo desnudo de Adán y el blanquísimo cuerpo de Eva, como dos divinas estatuas de mármol.

Llegó la noticia al cielo de la nueva creación, y se agitaron ángeles, querubines, serafines y dominaciones.

Hay un nuevo ser en la tierra, y es la mujer: hay que verla.

Y los ángeles se asomaron para escudriñar el Paraíso desde los huecos de sus ventanitas azules.

Y quisieron ver más de cerca á Eva, y bajaron á las nubes y quedaron asombrados; y hubieran bajado hasta el suelo para rozar con sus alas aquella divina aparición, pero no se atrevieron sin permiso del Altísimo. Abrían los ojos azules para ensanchar las pupilas, batían las alas, suspiraban amorosos, y deseaban acercarse más á todo trance.

Era el sol naciente; las nubes se iban desgarrando, porque el sol también quería ver á Eva, y á los turbiones nocturnos había sucedido una menuda lluvia, como de gotitas de cristal.

Un arco iris, un inmenso arco iris de semicírculo perfecto, brillante y luminoso, cobijaba al Paraíso.

Y los ángeles, ó al menos los más atrevidos, por ver á Eva de más cerca, desde las nubes tendieron el vuelo al arco de colores, y sobre al arco de colores se posaron.

Los más tímidos siguieron el ejemplo de los más osados, y nuevas bandadas cruzaron el cielo, y trazando círculos, como las golondrinas sobre el mar, sobre el arco celeste vinieron á caer.

Y al fin, todos, unos tras otros, aislados, en parejas, en bandadas, fueron posándose sobre el arco inmenso de los siete colores.

Asegura, quien pretende haberlo visto, que era hermoso espectáculo.

Sube, Evo, sur la verda kamparo; supre la ĉielarko ŝarĝita ĉie de anĝeloj, kun blondaj kapetoj kaj kun blankaj flugiloj.

Kaj, kio devis okazi, ĉar la ĉielarko estas tiel malforta kiel la kristalo, kaj pro tio, tre rompebla?

Nenombreblaj anĝeloj ĝin surŝarĝis en tuta ĝia amplekso, kaj kvamkam pro sia propra puŝo ili ne estis granda pezo, pro la altiro kiu Evo efikis al ili, aliformiĝis preskaŭ je pezaj korpoj. Tio estas ke ili fariĝis pezaj, rigardante tro longedaŭre virinon; kaj la aera konstruaĵo, la sepkolora arko jam ne povis subteni ilin, kaj falis teren, disrompita je miloj kaj miloj da pecetoj, kiel rompiĝas kristalo, kiam ĝi rompiĝas.

Sed okazis ke tiuj koloraj pecetoj, falis sur la verdan mantelon, kaj ĉiu el ili, enpenetrante la verdan vegetaĵaron kaj fandiĝante kun ĝi, konservis iom el la koloroj de l' ĉielarko, kaj la kamparo pleniĝis per floroj!

Mi nescias ĉu la legendo estas vera, kvankam mi jese suspektas, kaj se ne estus tiel, ĝi devus esti tio.

Fine, rezultas ke la floroj nur estas ĉielarko pece rompita kaj disĵetita sur la sendiferenca verdo de la kamparo, kaj la kaŭzo de la ĉiela ruiniĝo estis Evo. Tial, la virinoj tiel amas la florojn.

Nenion diras la legendo pri Adamo. Ni ne scias, ĉu por li oni difinis parton el la ĉielarkkolora pluvo.

De tiam la floroj ekzistas kaj estas tiom da ili kaj tiel malsamaj pri formoj kaj koloroj, kiel estis la pecetoj de la ĉielarko, kiam okazis tiu ruiniĝo dė la ĉielo.

Kelkaj anĝeletoj multe suferis pro la falo, ĉar oni vidis ke ili malfacile ekflugis... Aŭ ĝi estus ĉar penige ili malproksimiĝis de Evo kaj de la flora ĝardeno; flora ĝardeno, ni ripetas, ĉar de tiam la paradizo havis florojn, kaj la pruvo estas, ke la floroj ankoraŭ ekzistas.

*Tradukis* R. CODORNIU.

Abajo Eva sobre el campo de verdura; el arco iris por encima, y todo él cargado de angelitos de cabecitas rubias y de alas blancas.

¿Y qué había de suceder? Al fin el arco iris es muy débil, muy cristalino, y por lo tanto muy quebradizo.

Sobre él cargaban en toda su extensión enjambres innumerables de ángeles, que aunque por sí no pesaban mucho, por la atracción que Eva ejercía sobre ellos, casi en cuerpos pesados se transformaban; en suma, que resultaban pesados mirando con tanto afán á una mujer; y la fábrica irisada, el arco de los siete colores, no pudo resistir más y se vino á tierra roto en miles y miles de pedazos, como se rompe el cristal cuando se rompe.

Pero es el caso que aquellos añicos de colores vinieron á caer sobre el manto de verdura, y cada uno de ellos, al penetrar y fundirse con las verdes plantas, conservó alguno de los colores del arco iris, y el campo se llenó de flores.

Yo no sé si la leyenda es cierta, aunque presumo que sí lo es, y si no lo fuese debía serlo.

Pero resulta, en conclusión, que las flores no han sido otra cosa que un arco iris roto en pedazos y esparcido sobre el verde uniforme de los campos y la causa de la catástrofe celeste fué Eva. Por eso á las mujeres les gustan tanto las flores.

De Adán no dice nada la leyenda. No sabemos si le tocó alguna parte de la irisada lluvia.

Desde entónces las flores existen, y son tantas y tan variadas en formas y en colores, como lo fueron los pedazos del arco celeste en aquella ruina de los cielos.

Algunos ángeles se resintieron mucho de la caída, porque se vió que con dificultad remontaban el vuelo. O sería que con pena se alejaban de Eva y del florido vergel; vergel florido, repetimos, porque desde entonces el Paraíso tuvo flores. Y la prueba es que las flores todavía existen.

JOSÉ ECHEGARAY.

De la Real Academia Española.

# Pri la preparo de plenigita eldono de l'Universala Vortaro

S.ro E. Boirac, prezidanto de «Lingva Komitato» havis la bonecon sciigi al ni ke en malgranda kunveno, kiun ĉeestis sep komitatanoj loĝantaj en Parizo, oni opiniis unuanime, ke la nova eldono de l'Universala Vortaro, kiun la Lingva Komitato estas komisiita prepari, devus esti ne nur korektita (per la forigo de la malĝustaj tradukoj enhavataj), sed ankaŭ plenigita, per la aldono de la novaj radikvortoj ekzistantaj en diversaj aprobitaj vortaroj. Tiuj novaj vortoj estus montrataj, ĉiu, per steleto.

Li konsiliĝis kun la ceteraj komitatanoj ĉu ili aprobas tiun ideon kaj ĉu ili pensas do ke oni devos konigi ĝin al D.ro Zamenhof, kiel proponon de la Lingva Komitato.

El ĝiaj 94 membroj, 60, t. e. 64 o/o respondis al la Cirkulero, inter ili la hispanaj S.roj Codorniu, Inglada kaj Villanueva *plene aprobante la proponon* plenigi la Universalan Vortaron per vortoj prenitaj el la naciaj vortaroj, apartigante tiujn vortojn per steleto (du el ili aldonas «aŭ per pli malgrandaj literoj»).

En tiu nombro oni povas kalkuli D.ron Zamenhof mem, ĉar S.ro Grabowski skribis ke li respondas interkonsentite kun li, kaj ankaŭ S.ron Pollen, ĉar li respondis ke li aprobas la proponon, nur se ĝi estos aprobita de D.ro Zamenhof.

La sumo de la plenaj aproboj estas 49.

Unu membro petas ke la demando *estu prokrastata.* Ses, ke la novaj vortoj estu presataj en *apartan kajeron.*

Fine 5 komitatanoj *kontraŭstaras tute al la propono.*

Kelkaj membroj petis: ke la *hispana traduko* de la vortoj estu aldonata al la kvin jam ekzistantaj, la *latinan tradukon* de la botanikaj vortoj, klarigi la uzon de la *sufiksoj «igi» kaj «iĝi»* kaj ke la ko-

# Preparación de una edición completa de Diccionario Universal

El Sr. E. Boirac, presidente del «Comité de la Lengua», ha tenido la bondad de comunicarnos que en una pequeña reunión, en la que había seis consejeros que habitan en París, se opinó unánimemente que la nueva edición del Diccionario Universal, cuya preparación se confió al Comité de la Lengua, debía ser no solamente corregida haciendo desaparecer las inadecuadas traducciones que contiene, sino también completada por la adición de nuevas raíces existentes en otros diccionarios aprobados. Esas nuevas palabras serán todas indicadas por asteriscos.

Consultó con los demás consejeros si aprobaban la idea y si pensaban que debía comunicarse al Dr. Zamenhof como proposición del Comité de la Lengua.

De sus 94 miembros, 60, esto es, el 64 °/o, contestaron á la circular, entre ellos los españoles Sres. Codorníu, Inglada y Villanueva *aprobando por completo la proposición* de completar el Diccionario Universal con palabras tomadas de los diccionarios nacionales, diferenciando esas palabras por una estrellita (dos de ellos añaden, «ó por letras más pequeñas»).

En ese número se puede contar el Dr. Zamenhof mismo, porque el Sr. Grabowski escribió que contestaba de acuerdo con él, y también el Sr. Pollen, porque contestó que aprobaba la proposición si lo era por el Dr. Zamenhof.

El total de aprobaciones completas fué de 49.

Un miembro pidió que el asunto *fuera aplazado.* Seis, que las palabras nuevas fueran impresas en un cuaderno aparte.

Finalmente, cinco consejeros *se opusieron por completo á la proposición.*

Algunos miembros pidieron: que la *traducción española* de las palabras sea añadida á las cinco ya existentes, *la traducción latina* de las palabras de botánica, aclarar el uso de los *sufijos «igi» e*

mitato verku ne nur plenan vortaron, sed ankaŭ oficialan *gramatikon en Esperanto.*

Ĉar la granda plimulto de la respondintaj komitanoj, kaj inter ili D.ro Zamenhof mem, aprobis la proponon, S.ro Boirac komisiis S.ron Huet prepari projekton de plenigita Universala Vortaro, konsente kun la kvin komisioj, kiuj revizias nun kelkajn nacilingvajn tradukojn.

*«iĝi»*, y que el Comité haga no solamente un diccionario completo, sino también una *gramática de Esperanto* oficial.

Porque la gran mayoría de los miembros que contestaron, y entre ellos el mismo Dr. Zamenhof aprobaron la proposición, el Sr. Boirac comisionó al señor Huet para que prepare un proyecto de Diccionario Universal completo, de acuerdo con las cinco comisiones, las cuales revisan ahora algunas traducciones de lenguas nacionales.

# Sciigoj

**Anglujo.**—Ni ne povas doni lastajn detalojn pri la Kongreso, ĉar ni ne ilin ricevis de «La Trio por la tria» kaj tiuj, kiujn enpresas aliaj revuoj ne estas plenaj. Alie, kiam tiu ĉi numero de nia revuo eliros, niaj legantoj irontaj en Kambridge'on, jam estos tie, aŭ sur la vojo.

Laŭ «Espero Katolika», dum la katolika Diservo okazonta en Kambridge'o, predikos Monsinjoro L. Giambene el Romo, arĥivisto de la Sankta Kongregacio de Indulgencoj.

Abato Peltier, simpatiega direktoro de tiu kuraĝa gazeto, ricevis kelkajn religiajn, muzikajn kaj versajn verkojn, kantotajn en tiu solenaĵo.

Ni ricevis unuan numeron de «La Esperanta Instruisto» kaj plezure interŝanĝos kun ĝi. Ĝi estas tiel, kiel ĝia titolo anoncas, ĉar ĝi enhavas esperantan gramatikon, konversaciajn kaj komercajn frazojn, komercajn leterojn, belajn rakontojn, spritaĵojn, k. t. p. Ni salutas nian akirindan amikon kaj enkondukas niajn legantojn al nia fako «Niaj frataj vizitantoj» por ke ili tie vidu kie oni aĉetas kaj kiu estas la prezo de tiu originala kolego.

Grupoj estas fonditaj en Bath, Bishop Auckland kaj Middlesbrongh.

En Linlithgow okazis la dua Kongre-

# Noticias

**Inglaterra.**—No podemos dar últimos detalles referentes al Congreso, porque no los hemos recibido de «el Terceto para el Tercero», y los que insertan otras revistas no son completos. Por otra parte, cuando este número de nuestra revista salga, nuestros lectores que han de ir á Cambridge ya estarán allí ó en camino.

Según «Espero Katolika», durante el Oficio católico que se verificará en Cambridge predicará Monseñor Giambene, de Roma, archivero de la Santa Congregación de Indulgencias.

El abate Peltier, simpatiquísimo director de aquella valiente revista, ha recibido algunas obras religiosas, poéticas y musicales para cantar en aquella solemnidad.

Hemos recibido el primer número de «La Esperanta Instruisto», y con gusto cambiaremos con él. Es tal como su título anuncia, porque contiene gramática de Esperanto, frases de conversación y comerciales, cartas de comercio, bellos cuentos, ocurrencias, etc. Saludamos á nuestro, digno de adquirir, amigo, y encaminamos á nuestros amigos á nuestra sección «Niaj frataj vizitantoj» para que allí vean dónde se compra y cuál es el precio de ese colega original.

Se han fundado grupos en Bath, Bishop-Auckland y Middlesbrongh.

En Linlithgow tuvo lugar el segundo

so de Skotaj esperantistoj, pri kiu tre bone parolas la Skota gazetarô.

La Folkestone'a grupo ĝentile ricevis viziton de siaj francaj najbaroj la Calais-aj esperantistoj. La urbestro salutis la alvenintojn per favoraj vortoj al Esperanto kiu laŭ li «bonege efikos por la amikiĝo kaj profito de la popoloj».

**Belgujo.**—En la kunsido de la belga senato okazinta la 4.an de la ĵus pasinta Junia monato, senatano S.ro Lafontaine parolis pri la rolo kiun la registaroj devas ludi por la divastigo de la Internacia helpa lingvo elektota de la delegacio de sciencaj societoj kaj scienculoj el ĉiuj landoj.

En Berchemo, antaŭurbo de Antverpen'o oni starigis en Kafejo klubon titolitan «La Limburgia gasttablo» kie la merkredojn vespere oni aŭdas paroli Esperanton de multaj kunvenintoj kaj de la gekelneroj. Tio estas bona propagandiloj kaj jam per tiu rimedo fariĝis Esperantisto, pli ol unu el la ĉeestantoj kiuj ne pensis pri tio.

**Brazilujo.**—La brazilaj deputatoj ŝatas Esperanton La cirkonstanco esti tio S.ro Medeiros, prezidanto de «Brazila Kongreso Esperanta», esperantistigos aliajn. La gazetaro estas ankaŭ favora al ĝi.

Fondiĝis grupoj en Petropolis'o, *S.* Christovao Cachoeiro de Itapemirun'o kaj Santos'o.

**Bohemujo.**—Novaj grupoj fondiĝis en Dublovice'o kaj Stankov'o, kaj en Prostejov'o oni aranĝas esperantan ekspozion.

**Bulgarujo.**—La bona kaj ilustrita frata revuo «Lumo» klopodas por unuigi ĉiujn bulgarajn esperantistojn kaĵ en tiu celo oni decidis okazigi kongreson en Tirnovo la proksiman Aŭgustan monaton.

Grupoj fondiĝis en Harmanlij'o, Nova-Zagora'o kaj en Rusĉuk'o kaj oni atendas la tujan aperon de aliaj. La ekzistantaj

Congreso de esperantistas escoceses, del cual habla muy bien la prensa escocesa.

El Grupo de Folkestone, cortésmente recibió una visita de sus vecinos franceses los esperantistas de Calais. El alcalde saludó á los llegados con palabras favorables al Esperanto que, según él, «magníficamente tendrá eficacia para la amistad y provecho de los pueblos.»

**Bélgica.**—En la sesión que tuvo lugar en el Senado belga el 4 de Junio próximo pasado, el senador Sr. Lafontaine habló del papel á que los gobiernos están obligados para la difusión de la «Lengua Internacional auxiliar», que ha de ser elegida por la delegación de sociedades científicas y sabios de todos los países.

En Berchem, arrabal de Amberes, se ha establecido en un café un club titulado «La Limburgia gasttablo», en el que los miércoles por la tarde se oye hablar Esperanto á muchos concurrentes y á los camareros y camareras. Ello es un buen instrumento de propaganda, y ya por ese medio se han hecho esperantistas más de uno de los presentes que no pensaban en ello.

**Brasil.**—Los diputados brasileños tienen afición al Esperanto. La circunstancia de serlo el Sr. Medeiros, presidente del Congreso de Esperanto de Brasil, convertirá en esperantistas á otros. La prensa también le es favorable.

Se han fundado grupos en Petropolis, S. Christovao, Cachoeiro de Itapermimio y Santos.

**Bohemia.**—Se han fundado nuevos grupos en Dublovice y Stankov, y en Prostejov se prepara una exposición esperanta.

**Bulgaria.**—La buena é ilustrada revista hermana «Lumo» hace diligencias para unir á todos los esperantistas búlgaros, y con este fin se ha decidido que tenga lugar un Congreso en Tirnovo el próximo mes de Agosto.

Se han fundado grupos en Harmanlij Nova-Zagora y Ruschuk, y se espera que otros aparezcan pronto. Los existentes

re laboras por la disdono de Esperanto en tiu simpatia lando. Multe kunhelpos al tio la baldaŭa publikigado de la vortaro kiujn verkis S.ro Jonko Davidov.

S.ro Kristo subskribis en grava gazeto «Duevnik» artikolon sub la titolo «La internacia lingvo Esperanto en la reĝaj palacoj kaj inter la militistoj». Dio aŭdu S.ron Kristo!

**Ĉilio.**—S.roj Planella fratoj, malfermis en Santiago, strato Vicunja Makenna numero 500, magazenon por vendado de manĝaĵoj, kies nomo estas «Emporio Esperanto».

**Danujo.**—S.ro Gunvar Monster fondis en Kopenhago «Dana Esperantisto Oficejo» speciale dediĉitan al Komercaj aferoj.

**Francujo.**—Ni havis la honoron ricevi de «Lingva Komitato» kolekton da 95 vortoj ĉerpitaj el Hamleto (traduko de D.ro Zamenhof) ne enhavitaj en *Universala Vortaro*. Prezo 10 centimoj ĉe «Esperantista Centra Oficejo», 51, rue Clichy, Paris.

Kapitano S.ro Comte, bofilo de sinjoro advokato Michaux, farasesperantan kurson sur la avizoŝipo «Ibis». Nia kara kolego «Tra la mondo» inter aliaj bonegaj fotogravuraĵoj enpresas sur 12a numero tiun de la nomita profesoro kaj liaj lernantoj.

Tiu ĉi gazeto daŭrigas sian agrablan sinjorinan modfakon.

Nova grupo fondiĝis en Parizo sub la nomo «Amicale Esperantiste de Paris».

Nia proesperanta frato «Internacia Socia Revuo» sciigas nin ke tiu amikaro enhavos nur «verajn amikojn, el kiuj neniu pretendos superregi aliajn» ke la administrantaro, sen prezidanto, konsistas el S.roj Grosset, Blangarin Poyet, Vachet, Blaisse kaj Mittey kaj ke la unua honora membro unanime balotita estas la de multegaj amata profesoro S.ro Th. Cart.

trabajan mucho por la difusión del Esperanto en aquel simpático país. Mucho, ayudará á ello la pronta publicación de los diccionarios que compuso el Sr. Jonko Davidov.

El Sr. Kristo firma en el importante periódico «Duevnik» un artículo bajo el título «La Lengua internacional Esperanto en los palacios reales y entre los militares». ¡Dios oiga al Sr. Kristo!

**Chile.**—Los Sres. Planella, hermanos, han abierto en Santiago, calle de Vicuña Makenna, núm. 500, un almacén para la venta de comestibles, cuyo nombre es «Emporio Esperanto».

**Dinamarca.**—El Sr. Gunvar Monster ha fundado en Copenhague «Oficina Esperantista Danesa», especialmente dedicada á asuntos comerciales.

**Francia.**—Hemos tenido el honor de recibir del «Comité de la Lengua» una colección de 95 palabras sacadas de Hamleto (traducción del Dr. Zamenhof), no contenidas en el *Diccionario Universal*. Precio, 10 céntimos en «Esperantista Centra Oficejo», 51, rue Clichy, París.

El capitán Sr. Comte, yerno del señor abogado Michaux, hace un curso de Esperanto en el aviso «Ibis». Nuestro querido colega «Tra la Mondo», entre otros magníficos fotograbados imprime en el núm. 12 el del profesor nombrado y sus discípulos.

Este periódico continúa su agradable sección de modas para señoras.

Un nuevo grupo se ha fundado en París con el nombre de «Amicale Esperantista de París».

Nuestro hermano en Esperanto «Internacia Socia Revuo» nos informa de que esa colección de amigos se compondrá sólo de «verdaderos amigos, de los cuales ninguno pretenderá avasallar á los otros»; de que el Consejo de administración, sin presidente, se compone de los Sres. Grosset, Blangarín, Poyet, Vachet, Blaisse y Mittey, y de que el primer miembro honorario, unánimemente votado, es el por muchos amado, profesor Th. Cart.

KAL.—Malsupre. Tie mi pretigis tablon mallarĝan, mizeran, kiu ŝajnas plibone stablon de forĝisto.

RITA.—(*Enirante tra la centra pordo kun kelkaj teleroj, tasoj, kuleroj kaj tablotuko*). Kiu petas supon?

D. CAR.—Profiton al vi!

KAL.—Se estas ia belulineto kiu volas manĝi kapridon rostitan, ŝi levu fingron.

RITA.—La belulineto jam manĝis duonon da telerego da hakaĵo... Sed mi dankas, sinjoro militisto. (*Ŝi eniras en la ĉambron de D.ª Irene*).

KAL.—Dankema vi plaĉas al mi, adorata.

D. CAR.—Nu, ni iru.

KAL.—Ho! ho! ho! (*Kalamoĉo ekiras al la certra pordo kaj revenas; li alproksimiĝas al D. Canlos, kaj ili interparolas sekrete ĝis fino de la sceno, kiam Kalamoĉo paŝas antaŭen kaj salutas Simonon*). He! silentu; mi diras...

D. CAR.—Kion?

KAL.—Ĉu vi ne vidas tiun, kiu venas tien ĉi?

D. CAR.—Ĉu estas Simono?

KAL.—Li mem... Sed kiel diable li...

D. CAR.—Kaj kion ni faros?

KAL.—Mi ne scias. Demandi, mensogi kaj... Ĉu vi donas permeson por...?

D. CAR.—Jes, mensogu tiom kiom vi volos... Kial estas veninta tien ĉi tiu homo?

## SCENO X

**Simono** (*eniras tra la centra pordo*), **D. Carlos, Kalamoĉo.**

KAL.—Simono, ĉu estas vi?

SIM.—Saluton, Kalamoĉo. Kiel vi fartas?

KAL.—Bonege.

SIM.—Kiom mi ĝojas pro...

D. CAR.—Nu, ĉu vi en Alcalá? Kio nova okazas do?

SIM.—Ho! ĉu vi, sinjoro, estis tie? Diablo!

D. CAR.—Kaj mia onklo?

SIM.—Tre sana.

KAL.—Sed, ĉu li restis en Madrido, aŭ...

SIM.—Kiu estus dirinta al mi...? Kiel strange! Neniam pensis mi, ke... Kaj vi, ĉian fojon pli bela... Do, vi venis vidi vian onklon, ĉu ne?

KAL.—Sendube vi alportas depeŝon de via mastro?

SIM.—Kaj kiel varmega mi estis? kaj kia polvo sur la vojo! Hu!

KAL.—Verŝajne vi venis kolekti monon, ĉu ne?

D. CAR.—Kredeble. Ĉar mia onklo havas tiun bieneton en Ajalviro... Ĉu vi ne venis por tio?

SIM.—Kaj kia fripono rezultas la administranto!

Neniam mi vidis en la tuta kamparo laboriston pli ruzan aŭ pli disputeman. Nu, ĉu vi venis de Zaragozo?

D. Car.—Nu, imagu vi...

Sim.—Aŭ ĉu vi tien iras?

D. Car.—Kien?

Sim.—Zaragozon. Ĉu ne estas tie la regimento?

Kal.—Sed, amiko, ni foriris la pasintan someron de Madrido. Ĉu ni ne devas esti vojaĝintaj pli ol kelkaj mejloj?

Sim.—Kion mi scias? Iuj vojaĝas poŝte kaj estas pli ol kvar monatoj sur la vojo. Ĝi devas esti malbonega vojo.

Kal. (*flanken, sin apartigante de Simono*).—Malbenita vi estu, kaj via vojo, kaj la friponino kiu naskis vin!

D. Car.—Sed, ankoraŭ vi ne diris, ĉu mia onklo estas en Madrido aŭ en Alcalá, nek kial vi venis, nek...

Sim.—Vi estas prava... Mi tuj rakontos... Bone, do... Nu, la mastro diris...

## SCENO XI

### D. Diego, D. Carlos, Simono, Kalamoĉo.

D. Die. (*parolante interne*).—Ne, ne estas necese; ĉar estas lumo tie ĉi. Bonan nokton, Rita. (*D. Carlos ŝanceliĝas, kaj apartigas sin al la fundo de l' teatro.*)

D. CAR.—Mia onklo!

D. DIE.—Simono! (*Eliras D. Diego el la ĉambro de D.ª Irene, sin direktante al sia propra; li ekvidas D. Carlos kaj alproksimiĝas al li. Simono prezentas lumon kaj tuj lasas la kandelon sur la tablon.*)

SIM.—Jen mi estas, slnjoro.

D. CAR.—Ĉio perdiĝis.

D. DIE.—Nu... sed, kiu estas tiu?

SIM.—Amiko via, sinjoro.

D. CAR —Mi mortas.

D. DIE.—Kial amiko? Kiel? Alportu tiun lumon.

D. CAR.—Onklo! (*Li volas kisi la manon de D. Diego, kiu kolere apartigas lin.*)

D. DIE.—For de tie ĉi!

D. CAR.--Sinjoro!

D. DIE.—For! Mi ne scias kial mi ne... Kion vi faras tie ĉi?

D. CAR.—Se vi ekkoleras kaj...

D. DIE.—Kion vi faras tie ĉi?

D. CAR.—Mia malfeliĉo venigis min.

D. DIE.—Ĉiam kaŭzante al mi enuon, ĉiam. Sed... (*alprosimiĝante al D. Carlos*), kion vi diras? Ĉu vere vi havas malfeliĉon?... Diru do, kio okazis? Kial estas vi tie ĉi?

KAL.—Tial ke li respektegas vin kaj li tre amas vin, kaj...

D. DIE.—Al vi mi nenion demandas. Kial vi forlasis Zaragozon sen mia permeso? Kial vi timas ekvidante min? Ion vi faris; jes, certe, vi faris ian sensencaĵon, kiu kostos la vivon al via malfeliĉa onklo.

D. CAR.—Ne, sinjoro, ĉar mi neniam forgesos la principojn de veremeco kaj prudento, kiujn vi tiel ofte inspiris al mi.

D. DIE.—Kial vi venis, do? Ĉu estas duelo? Ĉu estas ŝuldoj? Ĉu estas ia malpaco kun viaj ĉefoj? Liberigu min de tiu dubo, Carlos... Filo mia, senigu min je tiu malkvieto.

KAL.—Nu, tio ĉio estas nur ke...

D. DIE.—Mi jam diris ke vi silentu... Venu ĉi tien. (*Ekkaptante unu manon de D. Carlos, li apartigas sin kun li en angulon de l' teatro kaj mallaŭte parolas kun li.*) Diru al mi kio okazas?

D. CAR.—Malsaĝaĵo, manko de obeo al vi. Veni Madridon sen via antaŭa permeso... Mi multe pentas, ĉar vi tiel ĉagreniĝis ekvidinte min.

D. DIE.—Kaj krom tio, kio okazas?

D. CAR.—Nenio, sinjoro.

D. DIE.—Sed kia malfeliĉo estas tiu pri kiu vi parolis?

D. CAR.—Nenia. Renkonti vin en tiu ĉi loko... kaj tiom ĉagreni vin kiam mi esperis surprizi vin en Madrido, estadi ĉe vi kelkajn semajnojn, kaj reveni kontente tial ke mi vidis vin.

D. DIE.—Ĉu ne estas pli ol tio?

D. Car.— Ne, sinjoro.

D. Die.—Pripensu bone.

D. Car.—Ne, sinjoro. Por tio mi venis. Nenio pli estas.

D. Die.—Sed ne diru al mi... Estas neeble ke tiaj forkuradoj... Ne, sinjoro... Kiu do povus konsenti, ke oficiro foriru kiam li havas tiun kapriĉon, kaj tiamaniere forlasu siajn standardojn?... Ĉar se tiaj ekzemploj ofte ripetiĝus, adiaŭ, disciplino milita... Resume, tio ne povas esti.

D. Car.—Konsideru, sinjoro, ke ni estas en paca tempo: ke en Zaragozo ne estas bezone deĵori tiel vigle, kiel en aliaj garnizonoj, kie oni ne permesas ripozi la militistaron... kaj fine, vi povas supozi, ke mia vojaĝo havas aprobon kaj permeson de miaj estroj; ke mi ankaŭ zorgas pri mia bona famo, kaj ke kiam mi foriris mi estis certa, ke mi ne estas necesa tie.

D. Die.—Oficiro estas ĉiam necesa por siaj soldatoj. La reĝo havas lin tie por ke li instruu ilin, protektu ilin kaj donu al ili ekzemplon de disciplino, de kuraĝo kaj virto.

D. Car.—Vi estas prava; sed mi jam diris la kaŭzojn...

D. Die —Ĉiuj tiuj kaŭzoj nenion valoras. Kial vi eksentis tian deziron vidi vian onklon? Tio kion volas via Moŝta onklo ne estas vin vidi ĉiusemajne, sed scii ke vi estas homo prudenta kaj ke vi plenumas viajn devojn. Tio estas kion li volas... Sed... (*Li laŭtigas la voĉon kaj promenas maltrankvile*),

mi aranĝos tiel, ke tiaj petolaĵoj ne ripetiĝos. Kion vi devas nun fari, tio estas ke vi tuj foriru.

D. CAR.—Sinjoro, se...

D. DIE.—Nepre, kaj tuj. Vi ne povas dormi tie ĉi.

KAL.—Sed la ĉevaloj ne povas plu kuri, nek sin movi.

D. DIE.—Forportu ilin do (*al Kalamoĉo*), kun la valizoj al la gastejo ekster muroj. Vi (*al don Carlos*), ne dormos tie ĉi.

Iru (*al Kalamoĉo*), vi, fripono, rapidu. Ĉio suben. Pagu la kalkulon, selu la ĉevalojn kaj marŝu... Helpu lin, (*al Simono*). Kiom da mono vi havas?

SIM.—Mi havas ĉirkaŭ kvar aŭ ses uncojn. (*Li prenas kelkajn monerojn el monujo kaj donas ilin al D. Diego.*)

D. DIE.—Donu al mi... Nu, kion vi faras? Ĉu mi ne diris ke tuj? Flugu. Kaj vi (*al Simono*), iru kun li, helpu lin kaj ne revenu ĝis kiam ili estos foririntaj. (*La du servistoj eniras la ĉambron de D. Carlos.*)

## SCENO XII

### D. Diego, D. Carlos.

D. DIE.—Prenu. (*Li donas al li la monon.*) Tio ĉi sufiĉas por la vojaĝo. Kiam mi tion ordonas, mi bone scias kion mi faras. Ĉu vi ne scias, ke estas

ĉio por via bono, kaj ke via alveno tien ĉi estas malsaĝaĵo? Vi ne devas malĝoji pro tio, nek kredi ke estas manko je amo... Vi ja scias ke mi ĉiam amis vin, kaj se vi kondutos konvene mi estos via amiko, kiel mi ĉiam estis.

D. CAR —Mi ja scias.

D. DIE.—Bone, do, obeu kion mi ordonis.

D. CAR.—Mi nepre tion faros.

D. DIE.—Al la gastejo ekster muroj. (*Al la du servistoj kiuj eliras el la ĉambro de D. Carlos kun liaj pakaĵoj, kaj foriras tra la centra pordo*). Tie vi povos dormi dum la ĉevaloj manĝos kaj ripozos, kaj ne revenu tien ĉi sub ia ajn preteksto, nek returnen iru en la urbon.. memoru! kaj je la tria aŭ la kvara, marŝu. Ne forgesu, ĉar mi ekscios je kiu horo vi foriris. Ĉu vi komprenas?

D. CAR.—Jes, sinjoro.

D. DIE.—Atentu ke vi tion faros.

D. CAR.—Jes, sinjoro, mi faros kiel vi ordonas.

D. DIE.—Bone, adiaŭ. Ĉion mi pardonas al vi. Dio estu kun vi... Kaj mi ankaŭ ekscios kiam vi estos alveninta Zaragozon. Ne imagu, ke mi nescias kion vi faris la lastan fojon.

D. CAR.—Kion, do, mi faris?

D. DIE.—Ĉu mi ne diris, ke mi scias kaj ke mi pardonas? Kion pli vi volas? Ne estas nun necese pritrakti tion. Foriru.

D. CAR.—Restu kun Dio. (*Li kvazaŭ foriras kaj revenas.*)

Laŭ la grava Pariza ĵurnalo «Le Journal», S.ro Cherblanc verkis romanon, kiu devas esti legata okaze La Haje'a konferenco kaj sur ĝia koverto li presigis la verdan esperantistan stelon.

Según el importante periódico de París, «Le Journal», el Sr. Cherblanc ha hecho una novela que debe ser leída, con motivo de la conferencia de La Haya, y sobre su cubierta ha hecho imprimir la estrella verde esperantista.

En la Milita Lernejo de Saint-Cyr oni organizis esperantistan Grupon kaj la ceteraj, malgraŭ la rigoro de la sezono ne haltigas la kursojn.

En la Escuela Militar de Saint-Cyr se ha organizado un grupo esperantista, y los demás, á pesar de la estación, no paralizan los cursos.

Aperis la 5ª kajero de «Granda Vortaro franca-Esperanto» eldonita de «Presa Esperantista Societo». Ĝi estas tiel bona kiel la aliaj antaŭe publikigitaj.

Ha aparecido el cuaderno 5.° del «Gran Diccionario Francés-Esperanto» que edita «Presa Esperantista Societo». Es tan bueno como los otros publicados anteriormente.

En la konkurso de aerveturado okazinta en Parizo la 13ª de lasta Junio S.ro E. Archdeacon altiĝis en sia aerostato «Esperanto» kun nia flago malfaldita. Ni tre dankas al la fama aerostatisto kaj samideano sian propagandon originalan.

En el concurso de navegación aérea celebrado en París el 13 de Junio último, el Sr. E. Archdeacon se elevó en su globo «Esperanto» con nuestra bandera desplegada. Mucho agradecemos al famoso aeronauta y *samideano* su original propaganda.

La Pariza Grupo Esperantista «Amicale Esperantista de Paris» eldonas revueton kies unuan numeron ni ricevis. Ĝi rilatas france al aferoj de la grupo je kiu ĝi estas organo kaj ni deziras al ĝi bonan kaj longan vivon.

El Grupo esperantista de París, «Amicale Esperantista de París», edita una revistita cuyo primer número hemos recibido. Se refiere en francés á los asuntos del Grupo del cual es órgano, y le deseamos buena y larga vida.

**Germanujo.**—Pro troeco de originalo ni ne povis enpresi en niaj antaŭaj numeroj plenan raporton pri la dua germana Esperanta Kongreso en Dresdeno. Ni konsideras ke nun estas neĝustatempa tion fari kaj ke nur ni devas gratuli la germanajn samideanojn pro la bonfaroj kiujn per tiu Kongreso ricevos Esperanton en Germanujo kaj S.rojn Ostwald, Mybs, Adam Schramm Schmidt, Liesch, Hankel, Schuck kaj ceteraj al kiuj oni ŝuldas la sukceson.

«Eĥo Esperantista» enhavas la portreton de la unua germana esperantisto S.ro L. E. Meier, filologo kaj verkisto en Munchen'o. De 1888 li klopodas por la disvastigo de Esperanto en sia lando, verkis germanajn lernolibrojn kaj esperantigis multajn tieajn gravajn literaturaĵojn, inter kiuj «Vilhem Tell», el Schiller.

Pro manko de sano, kion ni tre bedaŭras, S.ro Johano Borel, forlasas la re daktadon de «Germana Esperantisto»

**Alemania.**—Por exceso de original no hemos podido insertar en nuestros anteriores números una completa descripción del segundo Congreso de Dresde. Consideramos que ahora sería extemporáneo hacerlo, y que sólo debemos felicitar á los colegas alemanes por los beneficios que á causa de este Congreso recibirá el Esperanto en Alemania, y á los Sres. Ostwald, Mybs, Adam Schramm, Schmidt, Liesch, Hankel, Schuck y demás á quienes se debe el éxito.

«Eco Esperantista» trae el retrato del primer esperantista alemán Sr. L. E. Meier, filólogo y escritor en München. Desde 1888 trabaja por la difusión del Esperanto en su país, compuso manuales alemanes y tradujo muchas obras literarias importantes de allí, entre las cuales el «Guillermo Tell» de Schiller.

Por falta de salud, que sentimos mucho, el Sr. Juan Borel deja de redactar «Germana Esperantisto», aunque conti-

kvankam li daŭrigos ĝian eldonon kaj zorgos pri ĝi. Anstataŭos lin doktoro Liesche, sperta redaktoro kaj bonega esperantista; sekve nia karega kolego daŭros estante la ĉiama gravega gazeto.

Ĝi sciigas nin pri fondo de grupo en Konisberg'o kaj pri paroladoj, kursoj kaj aliaj montroj de progresado de Esperanto en Germanujo.

Novajn grupojn ankaŭ oni fondis en Franzensdorf kaj Hochst.

Firmo «Esperanto-Verlag» de sinjoroj Hans Th. Hoffmann Steglitzerstrasse 44. Berlin W. 35, fondis specialan fakon por eldonado kaj vendado de Esperanta literaturo, sekve de la granda disvastiĝo de Esperanto en germanlingvaj landoj.

**Hindujo.**—En Gujerat'a lernejo oni fondis grupon post vizito de subkolonelo Pollen kiu faris propagandon en multaj urboj de tiu lando, dum sia tiea ĉeestado. Liaj laboroj sukcesos ĉar la gazetaro akceptis bone nian lingvon kaj ĝi mem daŭrigas la propagandon.

**Japanujo.**—Dum malmulta interspaco da tempo ni ricevis la Aprilan, Majan kaj Junian numerojn de la gravega ilustrita gaceto «Japana Esperantisto». Niaj malproksimaj amikoj plibonigis multege sian publikigadon kaj ne estas en ĝi vorton ne interesa. Estas por ni tiel malmulte konataj la Japanaj aferoj, ke ni ĝojas sciante pri ili kaj kiel certe same okazos al multa el niaj legantoj, ni rekomendas al ili la akiron de nia kara kaj simpatia kolego.

Ĝi sciigas nin pri fondo de Grupoj en la Tokio'a universitato, en Tokio, Kioto, Nara, Okajama, Tanabe, k. t. p. Kursoj kaj paroladoj oni faras en multaj urboj kaj ĉe la tuta lando la entuziasmo estas tre granda.

En la teksto de «Japana Esperantisto» estas esperantaj rakontoj japane tradukitaj per latinaj literoj kaj montrante la japanan elparoladon per la esperantaj; la fotografaĵoj estas bonegaj; inter portretoj

nuará editándola y cuidándose de ella. Le sustituirá el Dr. Liesche, experto redactor y esperantista magnífico; de manera que, nuestro queridímo colega continuará siendo el importantísimo periódico de siempre.

Él nos da noticias de la fundación de un grupo en Konisberg y de conferencias, cursos y otras demostraciones del progreso del Esperanto en Alemania.

Se han fundado también nuevos grupos en Franzensdorf y Hochst.

La casa «Esperanto-Verlag» de los Sres. Hans Th. Hoffman Steglitzerstrasse, 44, Berlín W., 35, ha fundado una sección para la editación y venta de esperanta literatura á consecuencia del gran desarrollo del Esperanto en los países de lengua alemana.

**India.**—En el colegio de Gujerat se ha fundado un Grupo después de una vista del teniente coronel Pollen, que ha hecho propaganda en muchas poblaciones de aquel país durante su permanencia en él. Sus trabajos obtendrán éxito, porque la prensa aceptó nuestra lengua y ella misma continúa la propaganda.

**Japón.**—En poco espacio de tiempo hemos recibido los números de Abril, Mayo y Junio, de la importantísima revista ilustrada «Japana Esperantisto». Nuestros lejanos amigos han mejorado muchísimo su publicación, y no hay en ella palabra que no interese. Son para nosotros tan poco conocidos los asuntos japoneses, que gozamos al tener noticia de ellos, y como seguramente lo mismo ocurrirá á muchos de nuestros lectores, les recomendamos la adquisición de nuestro querido y simpático colega.

El nos informa de la fundación de grupos en la universidad de Tokío, en Tokío, Kioto, Nara, Okajama, Tanabe, etcétera. Cursos y conferencias se dan en muchas ciudades y el entusiasmo es muy grande en todo el país

En el texto de «Japana Esperantisto» hay cuentos en Esperanto traducidos al japonés con letra latina é indicando la pronunciación japonesa con las esperantas; los fotograbados son buenísimos;

de simpatiaj japanaj esperantistoj, ili havas la ĝentilecon intermiksi tiujn de eŭropaj samideanoj S.roj Zamenhof, Michaux, Schneeberger, Bayol kaj Monrosier: plie ĝi enhavas kuriozajn vidaĵojn de la Tokio'a Industria Ekspozicio okazonta dum 1912a jaro; de japanaj ludoj, k. t. p., kaj fine faras nin feliĉaj la artikolo «Fonetismo kaj ideografismo de la Japanaj literoj» enpresita en la Junia numero, kiu artikolo enhavas inter multaj aliaj aĵoj por ni nekonitaj la *kana* (japanan alfabeton) bonege klarigitan.

**Meksikujo.**—La esperantistema gazeto de Guadalajara'o «El Testigo», publikigas sub la titolo «Catecismo de Esperanto» (Kateĥismo de Esperanto) kelkajn sciigojn pri Esperanto kaj kelkajn devojn por la esperantistoj. Inter tiaj devoj ĝi enhavigas tiun «legi LA SUNO HISPANA». Tio honoras nian gazeton kaj ni tion dankegas. Ĝi ĉiam sin okupas laŭdi kaj propagi Esperanton.

**Norvegujo.**—La norvega semajna gazeto «Urd» dediĉas fakon al Esperanto.

**Rusujo.** — Laŭ nia karega kolego «Ruslanda Esperantisto» oni fondis grupon en Saratov'o kaj ĉie, en tiu lando, oni vidas esperantan movadon; la grupoj faras kursojn; kie oni ne estas kursoj oni pensas starigi ilin; aroj da amikoj kreas rondetojn, k. t. p.

**Svedujo.**—La studantoj de la Lund'a universitato tie fondis grupon kaj en la tuta lando estas favora movo pri Esperanto.

**Svisujo.** — Nia estimegata kunfrato «Svisa Espero» informas pri paroladoj, kursoj kaj aliaj agoj kiuj montras progresado**j** de Esperanto en la tuta lando.

**Unuigitaj Amerika Ŝtatoj.**—Daŭrigas la gazetaro sin okupante favore pri Esperanto speciale «Saturday Evening Tribuna» kiu publikigigas nian gramatikon

entre retratos de simpáticos esperantistas japoneses han tenido la atención de mezclar los de los *samideanos* europeos Sres. Zamenhof, Michaux, Schneeberger, Bayol y Montrosier; además contiene curiosas vistas de la Exposición Industrial de Tokío, que tendrá lugar el año 1912; de juegos japoneses, etc., y finalmente, nos hace felices el artículo «Fonetismo é ideografismo de las letras japonesas» impreso en el número de Junio, cuyo artículo contiene, entre otras muchas cosas para nosotros desconocidas, la *kana* (alfabeto japonés), magníficamente explicado.

**Méjico.**—El periódico de Guadalajara «El Testigo», afecto al Esperanto, publica con el título de «Catecismo de Esperanto» algunas noticias referentes al Esperanto y algunos deberes para los esperantistas. Entre tales deberes hace constar el de «leer LA SUNO HISPANA». Ello honra á nuestro periódico, y nosotros lo agradecemos muchísimo. Siempre se ocupa en alabar y propagar el Esperanto.

**Noruega.** — El periódico semana «Urd» dedica una sección al Esperanto

**Rusia.**—Según nuestro queridísimo colega «Ruslanda Esperantista», se ha fundado un Grupo en Saratov y por todas partes en aquel país se observa movimiento esperantista; los Grupos hacen cursos: donde no los hay, se piensa en establecerlos; conjuntos de amigos, crean pequeños círculos, etc.

**Suecia.**—Los estudiantes de la Universidad de Lund han fundado allí un Grupo, y en todo el país hay movimiento favorable al Esperanto

**Suiza.**—Nuestro estimadísimo hermano «Svisa Espero» informa respecto á conferencias, cursos y otros actos, que demuestran el progreso del Esperanto en todo el país.

**Estados Unidos de América.**—Continúa la prensa ocupándose favorablemente del Esperanto, especialmente «Saturday Evening Tribunae» que publica nues-

kaj en 22ª Junia numero diskretegan aŭtografan leteron de D.ro Zamenhof.

Novaj grupoj fondiĝis en Takoma'o Wash'o, Aŭburn'o y Misoulao-Montana'o, kaj en multaj urboj oni faras esperantajn kursojn.

**Hispanujo.**—S.ro Aŭgusto Moinard, sekretario de la Alĝera Grupo Esperantista, veturante al Francujo por de tie vojaĝi en Anglujon kaj partopreni en la Kembriĝa Kongreso, pasis tra Valencio la 27an de Julio. Promenante sur la strato Paz, li vidis flirtantan la esperantan standardon en la balkono de la Valencia grupo kaj tien li iris por viziti siajn valenciajn samideanojn. Kiam alvenis al la Grupa sidejo, la knabo, kiu zorgas pri la ĉambraro, akceptis lin afable parolante en Esperanto. Kaj iom poste kelkaj Valenciaj Esperantistoj, kiuj venis en la Grupon, havis la senliman ĝojon saluti la distingindan alĝeran esperantiston kaj interparoli kun li longatempe. De tiu ĉi momento la valenciaj esperantistoj akompanis tra la urbo S.ron Moinard kaj prezentis al li la festojn de Valencio. Bedaŭrinde S.ro Moinard nur restis unu tagon en la urbo de la floroj kaj kiam alvenis la momento ekveturi Barcelonon, ĉiuj, kortuŝitaj, adiaŭdiris al li kaj amsente petis lin, ke li revizitu ilin kiam li revenos el la Kongreso.

Ni dankas S.ron Moinard pro lia vizito Valencion, kiu multe kunhelpis al la propagando, ĉar S.ro Moinard estas afabla kaj distinginda esperantisto, kiu perfekte parolas la internacian lingvon.

Estas nomita membro de la Patrona Komitato de Esperanto en Hispanujo lia Moŝto S.ro Emanuelo García Prieto, eksministro de Regado kaj Justeco.

En Igualada'o junuloj S.roj Gomis kaj Rafegas klopodegas por propagandi Esperanton, tiel sukcese ke ili dum la lastaj tagoj varbis pli malpli centon da samideanoj por tiea grupo ĵus kreita.

tra gramática y en el número de 22 de Junio una discretísima carta autógrafa del Dr. Zamenhof.

Nuevos grupos se han fundado en Tacoma-Wash, Ausburn y Misonla-Montana, y en muchas poblaciones se hacen cursos de Esperanto.

**España.**—El Sr. Augusto Moinard, Secretario del Grupo Esperantista de Argel, de camino á Francia para dirigirse desde allí á Inglaterra y tomar parte en el Congreso de Cambridge, pasó por Valencia el día 27 de Julio. Paseando por la calle de la Paz vió ondear el estandarte esperantista en el balcón del Grupo de Valencia y allí subió para visitar á sus *samideanos* valencianos. Cuando llegó al local del Grupo, el muchacho que está á cargo del mismo lo recibió hablando afectuosamente en Esperanto, y poco después algunos esperantistas valencianos que llegaron al Grupo, tuvieron la alegría sin límites de saludar al distinguido esperantista argelino y hablar con él durante largo rato. Desde este momento los esperantistas valencianos acompañaron el Sr. Moinard por la ciudad y le hicieron presenciar los festejos de Valencia. Desgraciadamente el Sr. Moinard sólo permaneció un día en la ciudad de las flores, y cuando llegó el momento de tomar el tren para Barcelona, todos conmovidos le despidieron y le rogaron cariñosamente volviera á visitarles cuando regresara del Congreso.

Agradecemos al Sr. Moinard su visita á Valencia, que ha contribuído grandemente á la propaganda del Esperanto, porque el Sr. Moinard es un esperantista afable y distinguido que habla perfecta mente la lengua internacional.

Ha sido nombrado miembro del Comité del Patronato de Esperanto en España, el Excmo. Sr. D. Manuel García Prieto, exministro de la Gobernación y de Gracia y Justicia.

En Igualada los jóvenes Sres. Gomis y Rafegas se afanan por propagar el Esperanto con tal éxito, que durante los últimos días han reclutado poco más ó menos un centenar de colegas para aquel Grupo acabado de crear.

Ankaŭ tie estas bonegaj propagandiloj la kursoj kiujn matene kaj vespere faras la pastro skolapio S.ro Pubill, kaj la akiro de sursignitaj literoj el presejo de S.ro Abadal.

Pro la celo viziti la ĉefajn eŭropajn muzeojn, veturis en alilandojn nia kara amiko S.ro Miĥaelo Utrillo, arta direktoro de la «Tutmonda Ilustrita Enciklopedio», kiun tiel sukcese publikigas firmo Espasa. Li kunportas mision fari grandan kolekton artan materialon, por ke la grafita parto de la verko kiun li tiel malerare direktas, rezultu je ia nepra supereco kompare kun tiuj de aliaj naciaj kaj fremdaj enciklopedioj.

«La Almudaina», ĵurnalo de Palma'o (Majorka'o), enpresis bonegajn artikolojn de S.ro Gabrielo Alomar Ferragut, propropagandante Esperanton per detalaj sciigoj pri ĝi, ĝia historio kaj nuna stato, kaj li finas sian simpatian verkon per programo de la Kambridĝe'a Kongreso,

La «Gaceta de Galicia», sub alnomo «Stelo» enpresas multajn gravajn esperantistajn sciigojn. La Santiag'aj samideanoj estas tre agemaj por nia afero.

En «El Eco de Santiago» de la sama urbo daŭrigas S.ro Santiago García Carro siajn artikolojn pri Esperanto. Inter ili, li raportas pri la proksima Kongreso.

En Cervera (Lérida) baldaŭ fondiĝos Grupo. Dume oni faras kelkajn kursojn de Esperanto

La gravega revuo «Por Esos Mundos» publikigas bonegan artikolon de S.ro D. O. S. Lowell, klarigantan pri Esperanto, kiu ankaŭ enhavas gramatikan kompendion, kaj faksimile du paĝojn de nia revuo. Dankon.

Revuo «La Cruz Roja» de Valencio enpresas sub la titolo «La Cruz Roja y el Esperanto» kelkajn belajn pensojn de la fervora propagandisto S.ro Benito Anguiano rilate al la simileco de ambaŭ bonfarantaj aferoj.

En Malaga'o oni fondis Grupon. Estas

También son allí magníficos instrumentos de propaganda los cursos que por mañana y tarde da el Padre escolapio Sr. Pubill y la adquisición de letras acentuadas por la imprenta del Sr. Abadal.

Con objeto de visitar los principales museos de Europa, ha salido para el extranjero nuestro querido amigo D. Miguel Utrillo, direktor artístico de la «Enciclopedia Universal Ilustrada», que con tanto éxito publica la casa Espasa. Lleva la misión de hacer gran acopio de material artístico, á fin de que la parte gráfica de la obra que dirige tan acertadamente, resulte de una superioridad indefectible comparada con la de otras enciclopedias nacionales y extranjeras.

«La Almudaina», diario de Palma (Mallorca), insertó unos magníficos artículos de D. Gabriel Alomar Ferragut propagando el Esperanto por noticias detalladas respecto á él, su historia y estado actual, y concluye su simpático trabajo con un programa del Congreso de Cambridge.

La «Gaceta de Galicia», bajo el pseudónimo «Stelo», inserta muchas importantes noticias esperantistas. Los samideanos de Santiago son muy afectos á trabajar en pro de nuestro asunto.

En «El Eco de Santiago», de la misma ciudad, continúa el Sr. Santiago García Carro sus escritos esperantistas. Entre ellos relata lo referente al próximo Congreso.

En Cervera (Lérida) se fundará pronto un Grupo. En tanto se dan algunas clases de Esperanto.

La importantísima revista «Por Esos Mundos» publica un magnífico artículo del Sr. D. O. S. Lowell, explicativo de Esperanto, que también contiene un compendio de gramática y facsímil de dos páginas de nuestra Revista. Gracias.

La revista «La Cruz Roja» de Valencia inserta, bajo el título «La Cruz Roja y el Esperanto», algunos bellos pensamientos del fervoroso propagandista don Benito Anguiano, relativos á la semejanza de ambos bienechores asuntos.

En Málaga se ha fundado un Grupo.

nomitaj: prezidanto, S.ro Lomas; vicprezidanto, S.ro Reina; sekretario, S.ro Arias; kasisto, S.ro Sánchez, kaj tri voĉdonantoj.

Ili starigis esperantajn senpagajn klasojn por la societanoj.

En Leon'o, «La Democracia» publikigas artikolojn favorajn al Esperanto. S.ro Claudio Carro ankaŭ tie faras multan propagandon.

S.ro Mayo Núñez, advokato, proponis al si starigi Esperanton en Astorga'o.

Por sama afero laboras S.ro Saturnino Montalbo en Ferrol'o.

En Mahon'o oni fondis grupon.

En la konkurso okazinta en la «Ateneo de Villanueva y Geltrú» por solenigi la xxxan datrevenon de ĝia starigo gajnis la premion oferitan de kelkaj esperantistoj verko titolita «La Blindulineto» kun devizo «Malfeliĉa» kaj la du distingojn «La Princo», devizo: «Kial ne revenas, infano senkulpeco» kaj «Pacon al mortintoj», devizo: «Miserikordo».

Han sido nombrados: presidente, el señor Lomas; vicepresidente, el Sr. Reina; secretario, el Sr. Arias; tesorero, el señor Sánchez, y tres vocales.

Han establecido clases gratuitas de Esperanto para los socios.

En León «La Democracia» publica artículos favorables al Esperanto. Don Claudio Carro también hace allí mucha propaganda.

El Sr. Mayo Núñez, abogado, se propone establecer el Esperanto en Astorga.

Para el mismo asunto trabaja D. Saturnino Montalbo en Ferrol.

En Mahón se ha formado un Grupo.

En el certamen verificado en el Ateneo de Villanueva y Geltrú para solemnizar el XXX aniversario de su fundación, ha alcanzado el premio ofrecido por varios esperantistas la composición titulada «La Blindulineto» con lema «Malfeliĉa» y los dos accésits «La Princo», lema: «Kial ne revenas infano senkulpeco» y «Pacon al mortintoj», lema: «Miserikordo».

# Korespondada fako de "La Suno Hispana„

S.roj A. Ll., Elche kaj J. B. A., Benicarló. Viaj verkoj estas akceptitaj de la redakcio de L. S. H. Oni ilin enpresos plezure, sed laŭ vico, ĉar ni havas multe da originalo.

P. M., Madrid.—Dank'al Dio vi havas jam la librojn kaj nun nur mankas ke vi pardonu al ni la ĝenojn kiujn vi suferis pro la prokrasto.

L. B. A., La Guardia.—Mi ricevis vian artikolon pri riformo por esti publikigota en L. S. H. Pardonu, sed permesu ke ni plenumu nian deziron kaj publikigitan promeson, ne okupi nin pri tiaj aferoj kaj ilin forlasi al respektinda elpensinto, de Esperanto D.ro Zamenhof kaj al la «Lingva Komitato».

J. B. C., Benicarló.—Mi ne povis kompreni vian Esperanton. Mi alportis vian skribaĵon al la kompostitoj kaj ili ne komprenas viajn skribsignojn. Bonvolu konsulti viajn verkojn al la tieaj bonaj esperantistoj kaj sendi la originalojn skribitajn klare kaj nur sur unu el la flankoj de la prespaperoj.

J. P. T., Barcelona'o.—Sur iuj antaŭaj numeroj de nia gazeto ni diris kial Volapuk ne sukcesis.

Kiuj volas nenion lerni tiuj ĉiam motivigas iamaniere ilian maldiligentecon. Oni povas malkunkalkuli kun tiuj sinjoroj tial ke la progresado de Esperanto estas hodiaŭ granda kaj ĉie oni varbas facile samideanojn.

Gustatempe la lingvo internacia estos lernata en publikaj lernejoj.

R. de S. M., Madrido.—La unuajn paĵojn de la komedio, mi sendis al vi senpage.

J. S., Enguera kaj R. de S. M., Madrid.—Tial ke mi ne estas poeto, mi konsiliĝis kun

esperantistaj versamantoj kaj ili diris al mi ke la versoj de vi senditaj ne estas verkitaj laŭ la esperanta versfarado.

E. V., Berlino.—Ni plezure plenumas vian deziron prezenti vian firmon al niaj legantoj.

Pri perado de abonoj al nia gazeto ni devas sincere diri al vi ke kiel niaj elspecoj estas grandaj kaj ĉiu sendo de ekzemplero kostas kvin centimojn, se ni plie faras rabaton por makleraĵo ni perdos monon kaj pro tio ni preferas ke ĉiu abonanto sendu rekte la abonpagon per poŝtmarkoj ĉar ni akceptas tiujn el kiu ajn lando.

S.ro Ch. S. Hanan (Germanujo).—Mi bedaŭras ne povi komplezi vin. Oni faris malgrandan kvanton esperantaj foiraj afiŝoj kaj jam ne estas eble ilin akiri.

**Kore salutas Vin,** *A. J. L.*

---

# ANONCOJ

Por komplezi redakcion de estimegata kolego, ni deziras unu ekzempleron de *n.° 33, Septembro 1906*, de nia gazeto. Se ni ĝin havas kaj ĝin ne bezonas, ni petegas ĝin cedu al ni. Ni ĝin pagos kaj dankegos la ĝentilecon.

---

*Propagandaj markoj* 37×28 m/m. Prezo: 10=13 Sd., 100=75 Sd., 1.000=6 Sm. Ĉe S.ro Rich. Felser—Klosterwiesg, 46, Graz (Aŭstrujo).

---

*S.ro V. Zrunek, studento, Zasova, Moravio (Austria-Hungria*, deziras korespondadi per ilustritaj poŝtkartoj.

---

*S.ro L. Borson, farmaciisto, 41, rue Carnot, Cheteau-Thierry (Francujo)*, deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kun hispanaj geesperantistoj.

---

*Ĉe Internacia Propagandejo Esperantista,* Merton Abbey, London, S. W., oni verdas ekzemplerojn (bonegajn propagandilojn) de la grava parolado farita de la glora S.ro D.ro Ostwald, profesoro en Leipzig ĉe la nova komerca alta lernejo de Berlino la 7.an Novembro 1906. Prezo, 100 ekz., 2'50 fr. afrankite.

---

**Tutmonda Societo de Informoj.**—S.ro Maurice Duchochois, vicprezidanto de la Grupo Esperantista de Boulogne-s-m. organizas en Francujo Oficejon por rilatoj interrnaciaj, inter negocistoj, komercistoj, industriistoj, k. t. p. kun la celo ricevi sincerajn informojn pri la negoca demando. La informoj estos pagitaj, kaj li deziras ke oni organizu tiun aferon en ĉiuj landoj. Por la organizado sin adresu al tiu sinjoro, St. Leonard, prés Boulogne-s-m.

---

Ni ricevis belajn kartojn 20×32 c/m kiuj per verd-blanka kombino kaj videblaj literoj diras: «Oni parolas Esperanton tie ĉi», kaj per literoj malgrandaj «Anoncoj enpresigataj en la British Esperantist kaj en ĉiuj ĵurnaloj, de C. A. Browne reklamisto, 53 & 54, Wych street, strand, London W. C.» Ĉiuj tiuj anoncoskriboj estas sub kvinpinta verda stelo kaj inter ĝiaj radioj.

Juna katoliko S.ro Fr. Jiro Kumira, n.° 36, Kitayamabushi, Ushigonu, Tokio, Japanujo, deziras korespondadi per ilustritaj poŝtkartoj kun katolikoj. Li intencas propagandigi inter la Katolikaj junuloj de sia lando.

---

Accediendo á vivas instancias de un señor esperantista francés, se ruega á la señorita esperantista española que desee corresponder con él en Esperanto, por tarjetas postales ilustradas, se sirva dirigirse con las señas de su dirección, al señor D. Manuel Sánchez de Armas, calle de Zapateros, 8, Valencia, el cual le remitirá á su vez la dirección del esperantista francés.

---

## NIAJ FRATAJ VIZITANTOJ

| | Spesoj. |
|---|---|
| Junio.—*Afrika Esperantisto*, 4, rue du Marche, Alĝer, senpage. | » |
| Januaro.—*Amerika Esperantisto*, Oklahoma-City, U. Ŝ. A. fr. 5. | 1980 |
| Majo.—*Antauen Esperantistoj!!!* Apartado 927, Lima, Perú, fr. 3. | 1178 |
| Junio.—*Brazila Revuo Esperantista*, rua da Assemblea, 46, Rio de Janeiro, Brazilujo, fr. 6. | 2376 |
| Marto-Aprilo.—*Bulgara Esperantisto*, Administracio de la Bulgara Esperantisto en Sofio Bulgaria, fr. 1'50 | 594 |
| Okt.-Nov.-Dec.—*Centramerika Esperantisto*, Quezaltenango, Guatemala, fr. 3. | 1188 |
| Aprilo.—*Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu*, Praha II-313 Karlovo Námésti, Bohemujo, Austrujo, fr. 3'75. | 1485 |
| N.º 13.—*Eĥo Esperantista*, aldono de l'Echo, Wilhelmstrasse 29, Berlino, Germanujo, senpage. | » |
| Februaro.—*Eksport-Ĵurnalo* Union» Esperanto-Verlags-Gesellschaft, Frankfurt a M. Germanujo, 4 m. | 1956 |
| Februaro.—*Esperantisten*, 37, Surbrunnsgatan, Stockolm, Svedujo, fr. 3'50. | 1386 |
| Marto.—*Esperanto*, Mr. Marich Agoston, Ülloi-Ut 59, Budapest, IX, Hungria, Austrujo; k. 3'80. | 1505 |
| 12 Julio.—*Esperanto*, 8, rue Bovy-Lysberg, Genevo, Svisujo, fr. 3. | 1188 |
| Junio.—*Espero Katolika*, Mr. Peltier, Sainte-Radegonde (Indre, Loira), Francujo, fr. 5. | 1980 |
| Majo.—*Espero Pacifista*, 26, rue de Chartres, Neuilli-sur-Seine, Francujo, fr. 5. | 1980 |
| Majo.—*Foto-Revuo Internacia*, 118-bis, rue d'Assas, Parizo, Francujo, fr. 5. | 1980 |
| Julio.—*Germana Esperantisto*, 95, Prinzenstrasse, Berlino, Germanujo, ms. 3. | 1467 |
| Junio-Julio.—*Helpa Lingvo*, F-ino G. Monster, Osterbrogade 54 B, Kopenhago, Danujo, kr. 1'20. | 660 |
| Decembro.—*Idealo*, Corso Calatafimi, 495, Palermo, Italujo, fr. 3. | 1188 |
| Junio.—*Internacia Socia Revuo*, 45, rue de Saintonge, Paris III<sup>a</sup> Francujo, fr. 6. | 2376 |
| Aprilo-Majo-Junio.—*Japana Esperantisto*, 3ĉome, Jurakĉo, Kojimaciku, Tokio, Japanujo, fr. 3. | 1188 |
| Junio.—*Juna Esperantisto*, 33 rue Lacépéde, Paris 5.ª, Francujo, fr. 2'50. | 990 |
| Augusto.—*La Esperanta Instruisto*, 85, Fleet-St., London, E. C., fr. 2'50. | 992 |
| Junio 65-64.—*La Belga Sonorilo*, 53, Ten Bosch, Bruxelles, Belgujo, fr. 6. | 2376 |
| Decembro.—*La Pioniro*, Champion Reef, Mysore State, South India, Angla, fr. 5. | 1980 |
| Julio.—*Lingvo Internacia*, 33, rue Lacépéde, Paris, V-e, Francujo, fr. 5. | 1980 |
| Junio-Julio.—*La Revuo*, 79, Bd St Germain Parizo, Francujo, fr. 7. | 2772 |
| Junio.—*L'Espérantiste*, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, Francujo, fr. 4. | 1584 |
| Junio.—*Lumo*, bulgara-esperanto, S-ro Nenkov, rue Gorska, 2299, Tirnovo, Bulgarujo, fr. 2. | 792 |
| Majo.—*Pola Esperantisto*, 26, Akademicka, Leopolo, Austrujo, fr. 2'50. | 950 |
| Aprilo.—*Ruslanda Esperantisto*, Bolŝaja Podjaĉeskaja, 24, St. Petersbourg, Rusujo, fr. 7'50. | 2970 |
| Junio-Julio.—*Svisa Espero*, 6, rue du Vieux Collége, Genéve, Svisujo, fr. 2'50. | 990 |
| Junio.—*Tra la Mondo* (multilustrita), 15 boulevard des Deux Gares, Meudon S. O., Francujo, fr. 8. | 3168 |
| Junio-Julio.—*The American Esperanto Journal*, boulevard Station, Boston, Mass., U. Ŝ. A., fr. 5. | 1980 |
| Julio.—*The British Esperantist*, 13, Arundel street, London W. C., Anglujo, fr. 4. | 1584 |

---

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.